# Ateismo

Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto Organizo

**http://www.gazetoteko.com/ateo/a6.pdf**





## La celoj de ATEO

1 **Kunligi** esperantistajn ateistojn kaj liberpensulojn.
2 **Disvastigi** Esperanton inter ateistoj.
3 **Defendi** propran egalrajtecon kaj kontraŭi trudadon de religio en neŭtralajn Esperanto-grupojn.
4 **Instigi** ĉe neŭtralaj Esperanto-grupoj, ke oni egale varbu por Esperanto ĉe nereligiaj grupoj se oni varbas ĉe religiaj grupoj.
5 **Akceli** racian pensmanieron en Esperantujo kaj pri Esperanto mem kaj strebi altigi la intelektan kaj kulturan nivelon de Esperantujo.
6 Libere **diskuti** kaj **analizi** ateismajn movadojn, politikojn, kaj filozofiojn kaj ĉiajn rilatajn sociajn problemojn.
7 **Malkateni** la mensojn!


**Nº 6-a** (de la nova epoko) **Julio 2005**

## Vortoj de l' Prezidanto:

Karaj samideanoj,

Ĉi-jare centjariĝas la Universalaj Kongresoj, kaj ankaŭ la ***Fundamento***, la revuo ***Esperanto***, kaj la Akademio de esperanto, posteulo de la Lingva Komitato.



Por ateistoj kaj liberpensuloj alia centjariĝo havas gravecon, almenaù en Francio : la centjariĝo de la laikeco, tio estas, de la leĝoj de 1905 kiuj disigas eklezion kaj instruadon, religion kaj ĝeneralan klerigadon. Konkrete, tio signifas, ke oni ne plu instruas religion enkadre de la lernejoj, kiel kutime antaùe. Tio estas agnosko, ke la religio estas privata afero, kiu ne rajtas eniri la oficialajn programojn de la klerigaj instancoj. En Francio la registaro tute oficiale festas tion ĉi-jare. Tamen tiu koncepto de sendependeco inter edukado kaj religio ne estas ĉie bone komprenita, eĉ nuntempe, kaj eĉ de esperantistoj. Alilandaj amikoj miras, kiam mi protestas, ke ekumena diservo kaj meso ne rajtas aparteni al la oficiala programo de iu aranĝo de neùtrala Esperanto-asocio. Kulturaj diferencoj…Mi ŝokiĝas, dum ili trovas tion tute normala: ja religio apartenas al ilia kulturo, oni devas esti toleremaj…Mia sinteno estas, ke oni ja rajtas mencii diservon kaj meson, sed zorge klarigante en la programo, ke temas pri ne-oficialaj programeroj (kiujn povos private ĉeesti, tiuj, kiuj tion deziras). Tiel ni kutime faras por francaj esperanto-kongresoj.

La UK en Vilno estos okazo por ni denove renkontiĝi aŭ konatiĝi. Pluraj aranĝoj koncernas nin:

—la <u>administra kunveno</u> de ATEO, kiu okazos **lunde** la **25-an** de julio je la 17-a horo en **salono Skupas**;

—la <u>publika kunveno</u> kiu okazos **marde** la **26-an** de julio je la 17-a horo, en la **sama salono**. Tiam ni havos forumon pri la temo: *Ateismo kaj reviviĝo de religioj en la post-sovetaj landoj*.

Kiel kutime ni <u>havos fakan budon</u>, kie eblos informi pri ATEO, ĝi okazos **marde de la 9-a ĝis la 12-a**. Via helpo por deĵorado estos bonvena !

Krome ATEO prezentos sin en la Faka/ Strategia Forumo, kiu okazos jaùde la 28-an de julio, de la 14-a ĝis la 16-a.

Nia aktivado fakte montriĝas ĉefe dum la UK. Tiel ne devus esti. Tra la jaro vi devus pli ofte ricevi novaĵojn de ni. Ni klopodos trovi solvon pri tio.

Ateisme via,

*Claude Nourmont*

### Enhavo


Vortoj de l' Prezidanto ........ 2
Ĉu scienculo povas esti kredanto? .... 3
Recenzo ........ 3
Ŝercoj kaj religio ........ 4
La universalaĵoj de la religioj ........ 7
Dubo kaj ateismo ........ 8
Ateisto Fan Ĝen ........ 9
Scienco savas ........ 13
Etaj demandoj al Dio ........ 14
Ateismo en Japanio ........ 14
Kongreso de Libera Penso ........ 15
Ritoj kaj tradicio ........ 15

# Ĉu scienculoj povas esti kredantoj?

Fronte al la potenco de la racio, ĉu scienculoj povas esti dikredantoj?

Hispana ĵurnalo "El País" de la 29-a de julio 1998 publikigis tre interesan enketon de usona historiisto Edvardo Larson', de la Universitato de Georgio, kiu aperis en revuo "Nature".

Enketo surbazis du demandojn: *Kredo je Dio* kaj *Kredo je senmorteco*. Ĝi estis farita kun konstantaj parametroj je la jaroj 1914, 1933 kaj 1998, ĉe 517 fizikistoj, biologoj kaj matematikistoj de la Nacia Akademio de Sciencoj (Usono).

| **Dio** | **1914** | **1933** | **1998** |
|---|---|---|---|
| Kredantoj | 27,2 | 15,0 | 07,0 |
| Nedredantoj | 52,5 | 68,0 | 72,2 |
| Dubo aux agostikulo | 20,9 | 17,0 | 20,5 |
| **Senmorteco** | **1914** | **1033** | **1998** |
| Kredas | 35,2 | 18,0 | 07,9 |
| Ne kredas | 25,4 | 53,0 | 76,7 |
| Dubo aŭ agnostikulo | 43,7 | 29,0 | 23,3 |

Se oni konsideras la 400 plej bonajn sciencistojn, la procento de ateistoj kaj agnostikuloj estas je 1914, 70%; je 1933, 85% kaj je 1998, 93%.

*Jean Marin*

## Recenzo

Sufiĉe raraj estas la verkoj pri nekredado kaj senreligieco. Aperis en novembro 2002 rimarkinda broŝuro kolektive verkita de dekduo da francaj pedagogoj de la Freinet movado (la tre interesa bulteno "ICEM – Esperanto", kiu estas la esperantista revuo de tiu pedagogia movado).

Tiu broŝuro abunde ilustrita entenas en tre modesta volumo (64 paĝoj) riĉan tekston, facile legeblan, kaj donas al la leganto amason da informoj ĉiuspecaj: citaĵoj, statistikoj, bibliografioj, ktp, pri ĉio, kio koncernas la aspektojn psikologiajn, filozofiajn, historiajn kaj moralajn de tiu grava problemo.

Ĝi certe meritus tradukon en Esperanto. Oni nur povas forte konsili al ĉiuj, kiuj povas legi la francan, ĝin akiri:

***L'Incroyance***, BT2 nov. 2002, prezo 7 eŭroj, ĉe PEMF[1], 06376 Mouans – Francio.

La plejĉefaĵo de tiu ĉi supra artikolo fontas el tiu verko.

*Jean Marin*

[1] Ĉe tiu sama eldonejo, en la sama kolekto, aperis antaŭ pluraj jaroj broŝuro pri ***L'Espéranto, langue sans frontières*** (Esperanto, lingvo sen landlimoj).



# Ŝercoj kaj religio

Anna Lowenstein

## Leĝpropono en Britujo

Je kiu punkto kritiko kontraŭ ies religio fariĝas atako kontraŭ la kredanto mem? La limo inter kritiko kaj atako, kredo kaj kredanto, povas esti malfacile difinebla – sed tion provas fari la ĵus reelektita brita registaro per proponata leĝo, laŭ kiu “incito al religia malamo” fariĝus krimo.

Kvankam ĉiuj konsentas, ke estas neakcepteble ataki homojn pro iliaj religiaj kredoj, multaj parlamentanoj kontraŭstaras la proponon, ĝuste pro la malfacileco fari klarajn distingojn. Laŭ ili, jam sufiĉas la ekzistanta leĝo, kiu protektas membrojn de etnaj malplimultoj kontraŭ esprimoj de rasa malamo.



Subtenantoj de la nova leĝo, aliflanke, argumentas, ke la ekzistanta leĝo protektas nur membrojn de apartaj etnaj grupoj. Judoj kaj siĥoj, ekzemple, estas kovrataj, sed ne islamanoj nek kristanoj, kiuj ne apartenas al specifa etna grupo.

Multaj verkistoj estas maltrankvilaj pri la leĝpropono. Pensu ekzemple pri la romano de Salman Rushdie *La satanaj versoj*. Laŭ islamanoj, tiu libro serioze atencas ilian religion; ĉu laŭ la nova leĝo, ĝi povus esti cenzurata aŭ malpermesata?

Ankaŭ komediistoj timas, ke la nova leĝo malhelpus ilin fari ŝercojn pri religiaj temoj. Reprezentas tiun grupon la tre populara komediisto Rowan Atkinson (konata interalie en la rolo Mr Bean). Laŭ Atkinson:

*Kritiki homon pro ties religio estas klare kontraŭracia kaj absurda, sed kritiki ties religion estas rajto. La rajto kritiki ideojn, ĉiajn ideojn – eĉ se ili estas sinceraj kredoj – estas unu el la fundamentaj rajtoj de libera socio. Leĝo, laŭ kiu oni rajtas kritiki kaj moki ideojn, kondiĉe ke ne temas pri religiaj ideoj, estas leĝo certe ekstreme stranga.*

## Persona komento

Kiel judo mi mem komprenas, ke la temo estas tikla. En kiu kazo juda ŝerco ĉesas esti bonhumora kaj amuza, kaj fariĝis simpla kontraŭŝemidismo? Oni ofte aŭdas, ekzemple, ŝercojn pri la supozata avareco de la judoj. Tio baziĝas en la mezepoka situacio, kiam pro praktikaj kialoj judoj ofte okupiĝas pri financaj aferoj kaj ankaŭ pri monpruntado. Kvankam judoj ofte ŝercas pri si mem, la propraj ŝercoj neniam temas pri avareco – kaj efektive la imago, kiun judoj havas pri si, estas tute alia.

Kontraste, ankaŭ la skotoj havas reputacion pri avareco. Sed ili mem ĝuas tiun reputacion, ofte aludas al ĝi, kaj mem ŝercas pri ĝi. Kial la skotoj ne estas ĝenataj de tiaj ŝercoj, male kiel la judoj? Verŝajne temas pri la relativa sekureco de la du popoloj. Neniam la skotoj havis la sperton esti persekutataj, subpremataj kaj malamataj de la tuta ĉirkaŭa socio. Tio ofte estis la situacio de la judoj – kaj kontraŭjudaj ŝercoj kontribuis al la ĝenerala bildo de judoj kiel malŝatinda popolo.

Islamanoj loĝantaj en okcidentaj landoj nun troviĝas en simila situacio kiel la judoj

en la pasinteco: ili estas suspektataj, malŝatataj, kaj viktimoj de antaŭjuĝoj. En tia situacio ŝerco pri la islamaj tradicioj povus esti atako ne simple kontraŭ la religiaj kredoj, sed kontraŭ malplimulto sufiĉe nesekura kaj izolata. Kristanoj en la samaj landoj, aliflanke, estas granda plimulto, apenaŭ spertinta persekuton, kaj do nevundebla per ŝercoj. (Foje, en pasintaj jarcentoj, okazis persekutoj ekzemple kontraŭ protestantoj en Francujo aŭ katolikoj en Britujo, sed tiuj du grandaj, potencaj grupoj ne perdis pro tio la ĝeneralan memfidon.)



Ĉiuj religioj enhavas tradiciojn, kiuj rigardataj de ekstere estas sufiĉe nelogikaj kaj eĉ ridindaj. Por denove preni la ekzemplojn de judoj, ili preskaŭ tordas sin en nodojn por obei la Biblian ordonon ripozi sabate – kaj tio kondukas al tute sensencaj situacioj. Esperantistoj, kiuj ĉeestis la UK en Tel-Avivo, eble memoras la lifton en la hotelo, kiu sabate funkciadis la tutan tagon kaj haltis ĉe ĉiu etaĝo. La kialo estas, ke sabate oni ne rajtas (laŭ la Biblio) fari fajron nek (laŭ la moderna interpreto) funkciigi elektron. Sed se la elektro hazarde de si mem funkcias, nenio malhelpas profiti de tio. Do, oni ne rajtas premi la butonojn por funkciigi la lifton aŭ ŝalti la lumon, sed se la lifto ĉiuokaze veturas aŭ la lumo estas jam ŝaltita, oni rajtas enpaŝi la lifton aŭ ĝui la lumon. La sekvo estas pli granda malŝparo de energio (en ĉiuj sencoj de la vorto) ol se oni mem nur levus sian fingron kaj premus butonon. Tiaj Bibliaj leĝoj havis sencon en sia propra epoko – tiam ili estis eĉ avangardaj, ĉar ili insistis pri sabata ripozo eĉ por la geservistoj – sed tute ne en la moderna tempo.

Tia nelogika aranĝo evidente invitas al ŝercoj. Tio, kio gravas, estas fakte la tono kaj motivo de la ŝercoj. Mi tute ne havus problemojn, se la ŝercinto estus mem judo aŭ almenaŭ simpatianto. Sed mi estus tre malkomforta, se mi pensus ke la ŝerco baziĝis en malŝato aŭ antaŭjuĝo. Sed kiel oni faras leĝon pri la motivo malantaŭ ŝercoj?

Ĉu do mi opinias, ke estus ĝuste malpermesi ŝercojn pri religiaj temoj? Fakte, ne. Publikaj esprimoj de religia malamo certe ne estus akcepteblaj, sed tiaj kazoj, laŭ mi, estas kovrataj de jam ekzistantaj leĝoj. Necesas distingi inter ŝercoj kontraŭ popolo kaj ŝercoj kontraŭ religio – kaj ankaŭ atenti la momenton, kiam ŝerco ŝajne direktita kontraŭ la religio fakte celas la homojn. Certe delikata afero, tamen ĝis nun oni plejparte sukcesis teni la ekvilibron.

Hieraŭ mi aŭdis diskuton per la radio pri tiu temo. Pluraj komediistoj defendis sian rajton plu ŝerci pri religiaj temoj, kaj unu el ili rakontis la ŝercon, per kiu mi finos ĉi tiun artikolon. Hazarde temas pri rabeno, kvankam, kiel la rakontanto mem atentigis, ĝi povus temi pri iu ajn religia gvidanto. Li ankaŭ faris la interesan komenton, ke homoj ĉiam ŝercas pri tiuj en aŭtoritata pozicio; tial precipe religiaj gvidantoj estas objektoj de tiaj ŝercoj.

Rabeno estis en sia domo, kiam okazis granda inundo. La akvo pli kaj pli altiĝis. "Ne gravas," li diris. "Dio savos min." Kaj li iris laŭ la ŝtuparo al la dua etaĝo.

Tamen la akvo ankoraŭ plialtiĝis, ĝis eĉ en la dua etaĝo li ne estis sekura. "Dio savos min," diris la rabeno, kaj iris al la tegmento.

Dum li sidis sur la tegmento, alproksimiĝis boato. "Ĉu vi volas veni en nian boaton?" la homoj kriis al li. "Ne necesas," li respondis. "Dio savos min."

Tamen la akvo ankoraŭ plialtiĝis, kaj post iom da tempo alvenis helikoptero. La piloto eĉ volis faligi al li ŝnuran ŝtupetaron, sed la rabeno rifuzis. "Dio savos min!" li diris.

Finfine la akvo eĉ plie altiĝis, kaj la rabeno dronis. Kiam li venis en la Paradizon, li demandis Dion per ofendita tono, "Kial vi ne savis min?"

Dio respondis, "Sed mi sendis al vi boaton kaj helikopteron. Kion pli vi atendis?"

KONTRAKTO
Inter
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (UEA)
Kaj
ATEISTA TUTMONDA ESPERANTO-ORGANIZO (ATEO)

1. ATEO fariĝas kunlaboranta neneŭtrala faka asocio de UEA en la senco de paragrafo 15 de la Statuto de UEA.
2. ATEO pagas al UEA jarkotizon egalvaloran al tiu de unu individua membro-abonanto, laŭ la nederlanda tarifo.
3. ATEO faros sian eblon por instigi siajn membrojn aliĝi al UEA kiel individuaj membroj.
4. UEA disponigas al ATEO-fakkunveno salonon dum Universalaj Kongresoj.
5. UEA presigos en sia Jarlibro informojn pri ATEO.
6. LA DU ORGANIZOJ faros sian eblon por helpi unu al la alia rilate al la komunaj celoj.
7. TIU ĈI KONTRAKTO NE PLU VALIDAS, se:
a. La gvidorgano de unu el la kontraktintaj flankoj konstatas, ke la kontrakto ne estas plenumata; aŭ
b. Unu el la kontraktintoj deklaras la kontrakton ne plu validan, tiukaze necesas trimonata averto.

Por UEA: Por ATEO:
____________________Ralph Dumain, Prezidanto
____________________Minerva Massen, Vicprezidanto
Dato:______________Dato:__________________



# La universalaĵoj de la religioj

Same kiel ekzistas universalaĵoj por la lingvoj (trajtoj komunaj al ĉiuj lingvoj), same ekzistas universalaĵoj ĉe religioj.

**1 Submetiĝo senkondiĉa kaj nediskutebla al:**

1. ***Libro***: Biblio, Torao, Korano…
2. ***Persono***: Dio, Alaho, ktp. Aŭ pluraj:
   a. Jesuo, Mahometo, kelkafoje eĉ multaj: sanktuloj, anĝeloj, demonoj.
3. ***Pli-malpli al tradicio, kutimo, rito*** (ekz.: ekscizo, cirkumcido, poligamio…), kiu sin pravigas en la nomo de la religio.

**2 Espero de rekompenso kaj timo de puno:**

a) En alia mondo: infero aŭ paradizo kristanaj, islamaj…

b) En alia vivo (metempsikozo budha)

**3 Submetiĝo al specialaj vestoj kaj kapvestoj:**

- vualo, kippa, turbano,
- roboj: nigraj ĉe la kristanaj pastroj, blankajs ce la imamoj, oranĝkolora ĉe la budhistoj.

**4 Solenaj ceremonioj:**

a) Kolektivaj: diservoj katolikaj, protestantaj, judaj, islamaj, budhaj…

b) Individuaj: bapto, edziĝo, entombigo…

**5 Specialaj lokoj por la diservoj: preĝejoj, temploj, moskeoj, sinagogoj, monaĥejoj.**

**6 Homamasiĝoj de kredantoj por revivigligi la fidon: pilgrimadoj en Romo, Mekko, Jerusalemo…**

**7 Frua menstrudo al la infanoj:**

a) Katekismoj koranaj, katolika, judaj lernejoj.

b) Preĝoj sugestitaj (ne diri altruditaj) hejme en lernejo, preĝejo…

**8 Valoraj ĝeneralaj principoj**, plej ofte komunaj al ĉiuj religioj, sed bedaŭrinde…

**9 Agoj tute malaj:** fanatikismo, inkvizicio, Ŝario, krucmilitoj ĉiuspecaj: kristanaj, jihado, religiaj konfliktoj ĉi en la mondo: Irlando, Kosovo, Palestino…

**10 Konvinko posedi la veron.**

*Jean Marin*
*9, Rue Adrien Lejeune*
*93170 Bagnolet. Francio.*

*NOTO.- Tiu ĉi teksto ne estas definitiva artikolo, sed simpla studo proponata al la legantoj de **Ateismo**. Ĉiuj rimarkoj, kritikoj, korektoj, aldonoj, estas pli ol bonvenaj, necesaj kaj deziritaj. Bonvolu sendi ilin al la ĉisupra adreso. Plej sincerajn antaŭajn dankojn al sendontoj.*

# Dubo kaj Ateismo

de Evlogi Dankov
tradukis Olga Cankova (Bulgario)

Dubo estas ĉefa nocio de la scienca ateismo. Sekve, ĝi postulas multfacetan prilumon. Jam R. Descartes konsideris la metodon de la dubo kiel "arkitekton" cele al nova homa kulturo. Liaopinie, finfine ĝi ebligus al homoj mastrumadi la naturon.

La du flankoj de la dubo—religia kaj scia (epistemologia)—gravas, ĉar nuntempe reliefiĝas jena tendenco: teologiigi la sciencon kaj sciencigi la religion.

Pro siaj pozitivaj kaj negativaj funkcioj la dubo ludas gravan rolon same en ateisma motivado kiel en la religio. Sed negative la dubo povas konduki al skeptikismo kiu proksimiĝas al agnostikismo (filozofia), dogmismo, k. s.

Ĉu la skeptikismo utilas al la celoj de la homa vivo?

Kvankam la filozofia skeptikismo estas historie eksmoda intelekta fenomeno, ĝi aktualas pro la problemo de ateismo.

El la du funkcioj—pozitiva kaj negativa—la unua prezentas seniluziigan faktoron, kiu permesas al ni apartigi la falsan kredon disde la vero. Sed tio eblas kondiĉe, ke ni kredas al io pli bona kiu ne kontraŭstaras la veron. Tial la pozitiva dubo senkatenigas la homajn fortojn kaj favoras liberan spiritan vivon.

Male, la negativa dubo kaŭzas skeptikismon, agnostikismon, kaj nihilismon. Skeptikismo siavice ofte kondukas al superstiĉoj.

Menciendas ankaŭ la morala skeptikismo (J.R. Bambrouth): ofte, je dilemaj ĉiutagaj situacioj necesigantaj elekton el pluraj alternativoj, ni dubas. Je tiuj kazoj oni elektas laŭ propraj moralaj motivoj, nekonforme al oficiala mondkoncepto kaj la publika opinio. Sed eblas, ke ankaŭ tiu morala skeptikismo transformiĝus en religion.

Necesas same diskuti pri la dubo kiel iaspeca kritiko aŭ kontraŭstaro al naiva konvinko aŭ superstiĉo. Ĉi-kaze dubo fariĝas kritiko kiu celas faciligi aliron al vero kaj instigi solvon de problemo. Tiusence la dubo funkcias al homa progreso kaj kontribuas al pliprofundigo de niaj scioj.

Memkompreneblas, ke la nihilista kritiko kies elirpunkto estas totala neado, malaprobas ĉies argumentojn. Tian "nudan kritikon" Lenin konsideris senutila. Li akceptis nur neadon kiel momenton de la evoluo, ĉar konserviĝas ĉio pozitiva.

La skeptikulo-nihilisto emas fariĝi dogmulo. Tiu pretas dubi antaŭ ol scio pri kio temas. Tiu dogmulo povas starigi religian pozicion, eĉ ŝajnigi sin "dio" kiu posedas kaj juĝas la veron. C.S. Peirce asertis, ke estus fatale, se tia skeptikulo havu absolutan arbitran rajton.

Evidentas, ke la anatomio de la dubo kaj ties prilumigo kontribuas al la esenco de la ateismo.

*NOTO:* Evlogi Dankov estas docento ĉe katedro Filozofio en Universitato Kiril kaj Metodij en Veliko Tarnovo, Bulgario, kaj donis permeson traduki ĉi tiun artikolon specife por *Ateismo*.

# Ateisto Fan Ĝen

En la unua jarcento de nia erao budhismo enkondukiĝis en Ĉinion, kaj la feŭdaj regantoj baldaŭ trovis, ke ĝi povas servi por anestezi laborulojn. Nu, budhismo do pli kaj pli disvastiĝis. En la kvina kaj sesa jarcentoj, en norda Ĉinio sin trovis pli ol 40 000 temploj, kaj ankaŭ en suda Ĉinio estis sufiĉe multaj, sole en la ĉefurbo Nankino estis pli oi 500 temploj, kun pli ol centmil bonzoj kaj bonzinoj. En la jaro 505, la imperiestro Sjaŭ Jan de Ljang-dinastio proklamis budhismon ŝtata religio. Kvar fojojn li sin dediĉis al templo por servi en ĝi, montrante sin pia kaj asketa. Li ordonis, ke korteganoj lin elaĉetu el la templo kontraŭ kelkdekmil taeloj da arĝento. Furoris budhismo, leviĝis pli kaj pli da temploj, sed perdiĝis granda kvanto da sociaj riĉaĵoj kaj agroj pro templa konstruado. En diversaj lokoj de la tuta lando estis granda nombro da nenifaremaj bonzoj kaj bonzinoj, kiuj nek produktis, nek pagis imposton, kaj tute parazitis. Tio pezigis la ŝarĝon de la popolanoj kaj alportis al ili katastrofon. Tiel la kontraŭ-budhisma pensfluo iom post iom formiĝis, por mildigi la ekonomian kaj politikan krizojn.



La ateisto Fan Ĝen (450-515 proksimume) oponis kontraŭ la furoro de budhismo. Li diris, ke budhistoj malhelpas la ŝtatajn aferojn, bonzoj difektas la socian moron, kaj iuj bankrotis pro kredo al budhismo, kun la celo leviĝi al paradizo post la morto. Por deturni la socian moron kredi budhismon, li admonis homojn ne bonziĝi aŭ bonziniĝi, ke ĉiuj sin okupu pri kultivado, restu sur sia propra posteno, kaj potencigu la ŝtaton.

En sia opono kontraŭ budhismo Fan Ĝen unue oponis kontraŭ ĝia karmo. Kial la malriĉuloj suferas de mizero? Kial la riĉuloj ĝuas lukson kaj honoron? Laŭ budhismo, tio estas karmo. Kiu fiagis en sia antaŭa enkarniĝo, tiu devas suferi de mizero kaj malriĉo en la nuna enkarniĝo. Kiu faris bonan aferon en sia antaŭa enkarniĝo, tiu do ĝuas lukson kaj honoron en la nuna enkarniĝo. Laŭ karmo, la sufero de la malriĉuloj kaj la riĉeco de la riĉuloj estas tute meritaj. Tiamaniere, en la reala socio ĉio nejusta kaj neracia fariĝis justa kaj

racia. Same la ekspluato kaj subpremo de la riĉuloj kontraŭ la malriĉuloj. Kion faru do la suferantaj malriĉuloj? Kie estas ilia elirejo? Kie kuŝas ilia espero? La karmo montris al la malriĉuloj «esperigan vojon», vojon konduki al «la lando de budhoj», al «la paradizo de mortintoj». Budhismo postulas, ke la malriĉuloj toleru ĉiujn malfeliĉojn en la nuna enkarniĝo, faru neniun reziston kaj estu obeemaj, por leviĝi al la ĉielo, al la paradizo post sia morto kaj fariĝi riĉuloj en la venonta enkarniĝo. Se malriĉulo ne estas obeema kaj ofendas superulon, do kiam li mortos, anstataŭ leviĝi al la ĉielo, li estos kondamnita al infero, kaj daŭre suferados en la venonta enkarniĝo. Esti kontentaj je la realo, toleri ĉiujn malfeliĉojn kaj meti la esperon sur la venontan enkarniĝon, jen la vojo al «feliĉo», montrita de budhismo al la malriĉuloj. Laŭ Fan Ĝen, tia feliĉo estas neatingebla kaj tute iluzia, ĝuste kiel floro en spegulo kaj la luno en akvo. Li ne kredis je karmo, nek konsentis, ke karmo estigas riĉon kaj malriĉon. La ĉefministro Sjaŭ Ziljang estis budhisto kaj kredis je karmo, opiniante, ke la luksa vivo de la potenculoj estas efiko de ilia bonfaro en la antaŭa enkarniĝo. Ĉe iu festeno, Sjaŭ Ziljang fiere demandis Fan Ĝen: «Vi ne kredas je karmo, do kial ekzistas la diferenco inter riĉo kaj malriĉo, nobeleco kaj plebeco?» Fan Ĝen respondis: «Homoj en la mondo similas al floroj sur arbo. Ili samtempe floras kaj samtempe forbloviĝas. Iuj estas forblovitaj sur seĝon en luksa halo, kaj iuj falas ĉe necesejon. Ekzemple, via moŝto ja estas floro blovita sur la seĝon en halo, kaj mi—floro ĉe necesejo.» Fan Ĝen ŝerce donis respondon al la fakte tre serioza demando de la ĉefministro. Laŭ li, en la mondo la sufero de la malriĉuloj kaj la lukso de la riĉuloj ne venas pro karmo, sed tute hazarde. Per hazardeco li oponis kontraŭ karmo.

La budhisma karmo havas sian teorian bazon. Budhismo opinias, ke ĉiu havas sian animon, la korpo kaj animo de homo estas apartigitaj, kaj animo povas ekzisti sendepende. Kiam homo mortis, lia karna korpo ne ekzistas plu, tamen la animo restas kaj, forlasinte la antaŭan korpon, povas kroĉiĝi al alia korpo. Tio signifas, ke homa animo povas reenkarniĝi kaj homo povas renaskiĝi. La animo ne eliminiĝas kaj ne mortas, jen la teoria bazo de la budhisma karmo. Laŭ Fan Ĝen, por oponi kontraŭ la budhisma ideismo, oni nepre devas trovi teoriajn argumentojn kontraŭ la erara teorio ke «la animo ne eliminiĝas». Tial li skribis la artikolon *Pri la eliminiĝo de la animo*. Lia ateisma majstra verko skuis la tutan landon. Laŭ instrukcio de la imperiestro, 64 homoj skribis 75 artikolojn por lin refuti. Tamen la vero estis ĉe li. Poste la kortego intencis subaĉeti lin per altranga ofico, ke li reprenu sian teorion. Tamen Fan Ĝen ne ŝanceliĝis. Li diris, ke li ne volas vendi sian teorion por altranga ofico. Lia artikolo *Pri la eliminiĝo de la animo* enhavas jenajn vidpunktojn:

La korpo kaj animo de homo ĉiam kunas. La animo ne forlasas la korpon, nek la korpo la animon. Kiam la korpo ekzistas, ankaŭ la animo ekzistas. Kiam la korpo vivas, ankaŭ la animo vivas. La korpo kaj animo estas malsamaj, tamen ne apartigeblaj. Kaj tio estas la ĉefa argumento pri la eliminiĝo de la animo. La kredantoj de neeliminiĝo de la animo opiniis, ke la korpo kaj animo de homoj ekzistas aparte, kaj ilia kuniĝo estas portempa fenomeno. Post la morto de homo tiu portempa kuniĝo malaperas kaj la animo forflugas de la korpo al kiu ĝi sin kroĉis. Ili do intencis pruvi la sendependan ekziston de la animo. Ĝŭangzio rakontis, ke li foje sonĝis, ke li transformiĝis en papilion; kaj vekiĝinte, li ne

sciis, ĉu li estas Ĝŭangzio aŭ papilio. La kredantoj de neeliminiĝo de la animo prenis tiun sonĝon kiel ekzemplon por pruvi, ke la homa animo povas forlasi la korpon. Ili diris, ke kiam oni dormas, «la korpo restas, tamen la animo vagas», ke sonĝo ja estas vago de la animo, kaj tio pruvas ke la animo povas forlasi la korpon. Fan Ĝen opiniis nefidinda la pruvadon faritan per noto el antikva libro. Por refuti tiun absurdon, ankaŭ li citis legendon el antikva libro. La legendo diras, ke Ĉinregnestro Mugong sonĝe vagis al la okcidenta ĉielo, aŭdis belegan muzikon, gustumis diversajn diajn frandaĵojn, loĝis en luksa domo kaj surhavis vestojn ĉarmajn kiel kolora nubo. Fan Ĝen opiniis, ke ĉion ĉi Mugong spertis per siaj oreloj, okuloj, lango kaj korpo, kaj tio pruvas, ke eĉ en sonĝo la animo kaj korpo ne estas apartigitaj. Limigite de historia kondiĉo, Fan Ĝen ne povis science klarigi sonĝon kiel fiziologian fenomenon, kaj nur demandis en sia refutado: Kial Ĝŭangzio, kiu fariĝis papilio en sia sonĝo, vekiĝinte ne vidis mortintan papilion ĉe si? Kial tiuj, kiuj sonĝis sian boviĝon aŭ ĉevaliĝon, ne trovis mortan bovon aŭ ĉevalon vekiĝinte?

La korpo estas substanco, bazo de la animo, dum ĉi lasta estas ĝia funkcio kaj rolo. Tio montras, ke la korpo estas ĉefa, kaj la animo dependa. La korpo naskas la animon, kaj la animo dependas de la korpo. Sekve, kiam la korpo ne ekzistas, ankaŭ la animo ne ekzistas. Tial Fan Ĝen diris: «Kiam la korpo ekzistas, la animo restas; kiam la korpo mortas, la animo eliminiĝas.» Kiam substanco eliminiĝas, ĝia funkcio do ĉesas. La rilato inter la animo kaj korpo estas sama kiel tiu inter la akreco kaj klingo de tranĉilo. Fan Ĝen diris, ke kiam estas klingo, estas do akreco, ke klingo ne estas akreco, kaj akreco ne estas klingo, kaj ke sen akreco ne estas klingo, kaj sen klingo ne estas akreco. Kiel oni povas diri, ke animo restas post morto de korpo, se oni neniam aŭdis pri senklinga akreco? La kredantoj de neeliminiĝo de la animo prenis malakran tranĉilon kiel ekzemplon por pruvi la ekziston de klingo sen akreco, dirante ke se la klingo kaj akreco ne samtempe malaperas, do ankaŭ la korpo, kaj animo ne samtempe malaperas. Per tio ili aludis, ke la animo ekzistas post kiam la korpo mortis, kaj la animo povas ekzisti sendepende de la korpo. Tio estas sofismo. Malakra tranĉilo ne estas la «klingo» priparolita de Fan Ĝen, tial ĝi ne povas havi akrecon. Tio ĝuste montras la neapartigeblecon inter klingo kaj akreco. Malakra tranĉilo perdinta akrecon ne plu estas «klingo».

La korpo de homo havas konscion kaj senton kaj montras fenomenojn de la anima aktiveco. Tiu aktiveco estas propra al la korpo de homo, kaj nur de vivanto. Tiuj, kiuj insistis pri neeliminiĝo de la animo ĉikanis, ke homo kaj arbo estas materie sama, la funkcio de ilia korpo do devas esti sama, kaj ankaŭ arbo devas esti «konscia». Fan Ĝen kontraŭdiris, ke la korpo de homo materie malsamas ol tiu de arbo, tial, la korpo de homo estas konscia, dum tiu de arbo ne. Oni refoje ĉikanis, ke se la korpo de homo estas konscia, ĝi do kompreneble restas konscia post kiam la homo mortis; tio pruvas ke la animo ne malaperas kune kun la korpo, kaj la animo ne eliminiĝas. Fan Ĝen diris, ke la korpo de vivanto substance malsamas ol tiu de mortinto. Rigardu, vivaj herboj kaj arboj floras kaj fruktas, dum la velkintaj ne. Herboj kaj arboj unue vivas, poste velkiĝas, kaj la velkiĝinta arbo ne povas fariĝi viva. Same ankaŭ la homo. Vivanta homo mortos, kaj mortinto ne povas reviviĝi. La korpo de mortinta homo, same kiel tiu de velkiĝinta arbo, ne povas havi konscion. Per sia argumento Fan Ĝen celis nei la teisman vidpunkton, ke la animo ekzistas post kiam homo mortis, kaj deradike nei la budhismajn metempsikozon kaj karmon.

La anima aktiveco de homo nepre baziĝas sur fiziologiaj organoj. Laŭ Fan Ĝen, la anima aktiveco signifas la konadon de homo, konkrete dirite, la senton kaj pensadon de homo. La sento rezultas el rekta tuŝo de eksteraj aferoj fare de okuloj, oreloj, nazo,

lango kaj korpo. Pensado estas konado plialtklasa ol sento, ĝi helpas en juĝado de pravo kaj malpravo. Kaj la sento kaj pensado dependas de fiziologiaj organoj de homo, sen kiuj la anima aktiveco ne povas okazi. La kredantoj de neeliminiĝo de la animo ne neis la animan aktivecon de homo, tamen ili opiniis, ke la anima aktiveco ne dependas de fiziologiaj organoj, kaj neis la materian bazon de la anima aktiveco, provante pruvi, ke la anima aktiveco povas sin apartigi de fiziologiaj organoj, ke la animo povas forlasi la korpon kaj postvivi la homan korpon.

La batalo inter ateismo kaj teismo komenciĝis longe antaŭ la tempo de Fan Ĝen. Kia estas la rilato inter la korpo kaj animo? Jen la problemo diskutita de multaj homoj. Tamen oni ne povis teorie gin klarigi kaj donis al la teistoj eblecon refuti. Tia estis Hŭan Tan, ateisto en la unua jarcento. Li komparis la rilaton inter la korpo kaj animo kun tiu inter torĉo kaj fajro. Li diris, ke torĉo kaj fajro estas kunaj kaj, kiam la torĉo finbrulis, la fajro «ne povas moviĝi sola sub la ĉielo». Li provis argumenti la neapartigeblecon inter la animo kaj korpo, kaj ne faris pluapaŝan analizon. Kaj lia ne tre trafa komparo fariĝis neatendite temo favora al la teistoj. Ili diris, ke kiam branĉaĵo finbrulis, la fajro povas transiri al alia branĉaĵo kaj daŭre brulas, do la fajro povas forlasi branĉaĵon. Same, kiam homo mortis, la animo povas sin kroĉi al alia korpo, do la animo ne eliminiĝas. Fan Ĝen estis multe pli talenta ol Hŭan Tan. Li analizis ĉiuflanke kaj profunde la rilaton inter la korpo kaj animo. Li ne nur montris la unuecon de la korpo kaj animo, sed ankaŭ rigardis la korpon ĉefa kaj la animon dependa kaj klarigis la partikularecon de la homa korpo. Li plenigis la teorian mankon kaj solidigis ateismon.



Kompreneble, estas ankaŭ eraro en la teorio de Fan Ĝen. Kial sanktulo estas pli saĝa? Kial ordinara homo estas malpli saĝa ol sanktulo? Fan Ĝen klarigis, ke la sanktulo havas sanktulan korpon, kaj la ordinarulo ordinarulan korpon; ili diferencas ne nur aspekte, sed ĉefe je pensa organo, tial la saĝeco de sanktulo superas tiun de ordinarulo.

Tamen makuleto ne senbriligas valoran jadon. Fan Ĝen finfine estis admirinda materiisto. En la infaneco li estis malriĉa. Li vivis mizere, neniam prenis ĉevalĉaron, neniam portis belan veston. Tamen el la lernantoj li lernis plej eminente. Li estis malkaŝema, ŝatis publikigi sian opinion. En la batalo kontraŭ la teistoj, li ne timis la aŭtoritatojn, ne kliniĝis eĉ antaŭ la imperiestro. Lian laŭdindan kvaliton karakterizis tio, ke li «ne vendis sian teorion por altranga ofico». Kaj lia verko *Pri la eliminiĝo de la animo* estas voĉo de la ateistoj kaj gloro de la materiistoj.

**El:** *Antikvaj Filozofoj de Ĉinio* de Hoŭ Ĝjŭeljang (Pekino: Ĉina Esperanto-Eldonejo, 1988), p. 139-146.

Ralph Dumain

# Sciencο savas

*Richard Dawkins estas biologo ĉe la universitato de Oksfordo, Britujo, bone konata pro pluraj libroj pri evolu-teorio, precipe **La egoisma geno**. En sia libro **La blinda horloĝisto** li argumentas, ke la evoluo de malsimplaj organismoj ŝuldiĝas ne al la interveno de ia supera (dia) inteligento sed simple al natura selektado inter hazardaj variaĵoj, laŭ la teorio de Darwin.*

*Kvar tagojn post la katastrofa ondego en suda Azio je la fino de la pasinta jaro (kaj antaŭ ol la nombro da mortintoj estis plene kalkulita) aperis la jena letero de Dawkins en la brita ĵurnalo **The Guardian**, reage al pli fruaj leteroj aperintaj en tiu sama ĵurnalo.*

*El la letero-rubriko de **The Guardian**, 2004-12-30:*

## *La scienco savas*

La episkopo de Lincoln (en via letero-rubriko, 29 decembro) petas la rajton saviĝi de religiuloj, kiuj provas klarigi la katastrofon de la ondego. Li pravas. Religiaj klarigoj pri tiaj tragedioj kovras la gamon de ekstravagancaj (temas pri repago pro la Originala Peko) tra kruelaj (katastrofoj estas senditaj por testi nian fidon) ĝis perfortaj (post la Lisbona tertremo de 1755, herezuloj estis pendumitaj ĉar ili provokis la koleron de Dio). Mi mem preferus saviĝi de religiuloj, kiuj rezignas pri la provo klarigi, tamen restas religiaj.






En la sama aro da leteroj, Dan Rickman diras, "la scienco provizas klarigon pri la meĥanismo de la ondego, sed ĝi ne pli ol la religio povas diri, kial tio okazas". Jen, en unu frazo, ni vidas elmontron de la religia menso en ties tuta absurdeco. Kiamaniere la scienco de tektonaj platoj ne respondas la demandon "kial"?

La scienco ne nur scias, kial la ondego okazis; ĝi ankaŭ povas doni averton de pluraj valoregaj horoj. Se malgranda frakcio de la imposto-rabatoj, kiujn oni nun cedas al preĝejoj, moskeoj kaj sinagogoj, estus devojigita al sistemo de rapida antaŭaverto, oni estus povinta movi al la sekureco dekojn da miloj da homoj, kiuj anstataŭe mortis.

Ni leviĝu de niaj genuoj, ĉesu kaŭri antaŭ fantomoj kaj virtualaj patroj, frontu la realecon, kaj helpu la sciencon fari ion praktikan pri la homa suferado.

**Richard Dawkins**
**Oksfordo**

## Atahualpa Yupanqui

# ETAJ DEMANDOJ AL DIO

Iutage mi demandis:
Avo, kie do estas Dio?
Mia avo fariĝis malgaja
kaj ne donis respondon.

Mia avo mortis sur la kampo.
Sen pekokonfeso kaj sen preĝo.
La indiĝenoj entombigis lin,
kun bambufluto kaj tamburo.

Pli poste mi demandis: Patro,
kion vi scias pri Dio?
Patro fariĝis serioza
kaj ne donis respondon.

Mia patro mortis en la minejoj.
Sen kuracisto kaj sen helpo.
La oro en la posedo de la patrono
estas kolorita per sango.

Mia frato vivas en la montoj
kaj konas eĉ ne unu floron.
Malario, ŝvito kaj serpentoj,
tio estas la vivo de arbohakisto.

Ke nur ne iu demandu lin,
ĉu li scias, kie estas Dio.
Neniam estis en lia domo
tia eminenta sinjoro.

Mi kantas survoje.
Mi kantas ankaŭ en prizono
kaj aŭskultas la voĉon de la popolo,
kiu sonas pli bone ol mia.

Estas io surtere,
kio estas pli grava ol Dio.
Neniu kraĉu sangon,
por ke alia vivu pli bone.

Ke Dio gardas pri la povruloj?
Eble jes, eble ankaŭ ne.
Certe estas, ke li tagmanĝas
ĉe la flanko de la patrono.

*Tradukis Cezar*

# Ateismo en Japanio

La vorto "Ateismo" estis fremda al japanoj en sia historio.

Same kiel ĉe multaj aliaj gentoj en Orienta Azio, japana mondorigardo estis animisma—politeisma, kie ekzistis dioj ĉie en la mondo.

La Suno, la Luno, monto, rivero, fiŝoj, vivaĵoj…, estis dio aŭ ĉi-monda aperaĵo de dio. Do ekzistis multaj formoj kaj diversaj dioj. Tiu antikva japana arkivo nomas "Ok milionoj da dioj", kiu signifas "tre multaj dioj".

Do la koncepto de "dio" estis tute alia de monoteisma "Dio (ununura)" reganta la mondon kaj homon.

Kvankam trudiĝis kelkaj religioj el ekstera mondo al Japanio, tiuj ne povis forviŝi supran koncepton de politeismo el la menso de japanoj.

Tial nun ordinaraj japanoj vizitas ŝintoisman sanktejon por havi feliĉon dum la nova jaro, sed havus kristnaskon feston, kvankam ili ne estas kristanoj, kaj ili havas geedziĝan ceremonion laŭ la manieroj de ŝintoismo, budhismo aŭ kristanismo. La funebron ĝenerale oni plenumas per la maniero de sia vera religio, do plejmulte budhisma, sekvas ŝintoisma, kaj aliaj. Sed lastatempe mi aŭdis, ke maljunulino vizitis kristanan preĝejon por fariĝi kristana, ĉar kristana funebra ceremonio kostas malmulte kaj ĝi estas pli simpla for de ĝenaj rilatiĝoj de parencoj k.a.

Kadre de pozitiva aparteneco al religio aŭ sekto, ekzemple formale aŭ sociale budhano, mi vizitas budhan templon nur okaze de funebro aŭ datreveno de mortinto.

*Hoŝida Acuŝi*

# Tutmonda Kongreso de la Libera Penso

*La tutmonda kongreso de la Libera Penso okazinta en Parizo la 4-an de julio 2005, rezulte de bonaj rilatoj kaj intershanĝoj inter la Franca Libera Penso kaj SAT-Amikaro, alprenis rezolucion, kies tekston - ĉi poste – la esperantistoj kaj asocioj en la unuopaj landoj povus traduki kaj sendi al sialandaj sekcioj de liber-pensantoj, humanistoj, kaj similaj (jam ekzistas la franca traduko same kunsendata). Atentu, ĉar en pluraj landoj similaj asocioj havas malsamajn nomojn bazatajn sur «humanismo» aŭ similaj radikoj.*

Renato Corsetti

## Rezolucio

La tutmonda kongreso de la Libera Penso,

- **konsideras** ke la lingvobaroj malhelpas la rektan interŝanĝon de ideoj, spertoj kaj informoj en la batalo por la pens-libereco, kontraŭ la obskurantismo, la ekspluatado de la kredoj kaj superstiĉoj kaj ke, en perspektivo de socia progreso, sen malutili al la lingva kaj kultura diverseco kaj riĉeco, tiu malhelpo devas esti nuligita per la uzo de lingvo senigita je ĉiuj ligoj kun iu ajn potenco, sennacieca, alirebla kaj justa.
- **opinias** ke la realigo de alirebla, justa kaj efika solvo por la lingva komunikado inter la popoloj viciĝas inter la urĝaĵoj de nia epoko ; ĝi vokas al prikonsidero, en tiu rolo, de Esperanto, kies kampo de aplikado estas jam tre vasta, kaj kiu estis objekto de multaj rekomendoj fare de eminentuloj kaj organizaĵoj inter kiuj Unesko.
- **vokas** sian membraron kaj simpatiantaron engaĝi sin en memvola agado de senlimaj interŝanĝoj kaj de rapida faligo de la lingvobaroj kun celo efike kontraŭstari la racian ekspluatadon de la malracieco, de la mistero, de la kredemo, de la superstiĉoj, de la naiveco.

## Ritoj kaj tradicio.

En Nederlando la ceremonio ĉe la entombigo de homo, kiu ne havis rilatojn al eklezio iom post iom ekhavis certajn trajtojn. Ĉe la komenco, muziko estas aŭdigata laŭ la elekto de la familio. Poste eblas, ke iu aŭ iuj parolas pri la mortinta homo. Ofte estas geamikoj aŭ familianoj.

Se la familio sentas sin ne kapabla fari ion tiam, ĝi petas helpon de la laborgrupo pri funebra parolado de la Humanista Asocio.

Mi, Sofia Mensen, estas membro de tiu laborgrupo.

Antaŭe mi parolas kun la familianoj pri la vivo kaj personeco de la mortinto, kaj pri ŝiaj aŭ liaj ideoj kaj opinioj. Laŭ tiuj informoj mi faras mian paroladon, kiu daŭras pli-malpli dek minutojn.

Poste denove muziko sekvas.

Iu familiano dankas la ĉeestantaron pro ĝia ĉeesto.

Post tria muzikpeco sekvas la entombigo aŭ kremacio.

Fine estas ebleco esprimi al la familio sian simpation kaj oni trinkas kafon kaj manĝas kukojn.

Por invititoj eble foje sekvas funebra manĝo.

Sofia Mensen.

# Ateismo

## Organo de ATEO

REDAKCIO: **Poŝtkesto 4461, E30080 MURCIA, HISPANIO**

**Retskribu al jesuo@ono.com**


*GRAVAJ NOTOJ:*

1 Ne subskribitajn artikolojn verkis la redaktoro.

2 Oni **povas reprodukti** artikolojn, kondiĉe ke oni **citu la originon.**

3 Ni ne korespondos pri nepetitaj artikoloj. Tamen, ni klopodos publikigi ĉiun artikolon kies enhavo estas interesa kaj ne mis-traktas iun ajn personon.

4 Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem, ne la redakcio.

Kotizo: 15 eŭroj jare.






Kovrilo: Litovio, lando de nia venonta renkontiĝo